

# PENSEO

N-ro 218

Dec. / 2009

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 20-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Vortoj de Redaktoro

Decembre de la kuranta jaro, ni festos du grandajn eventojn: 8-a Ĉina Esperanta Kongreso (la 3-an—5-an de ĉi-monato) kaj Zamenhof-Festo. En la tago de Zamenhof-Festo, premieros elibro *Cindy Mckee Ĉineskas* eldonita de la retejo Elerno. Pro tio, mi aperigas la antaŭparolon de ĉi tiu elibro por konigi la ĉefan enhavon al niaj legantoj, kiuj probable ĝuos legadon de ĉi elibro. Por alia evento — la 8-a Ĉina Esperanta Kongreso, s-ro Zhuang Qixiong, kiel ano de LKK de la Kongreso, kontribuis per ĉineska ciklo kaj aliaj ĉineskaĵoj, kiujn mi aperigas por plaĉigi la okulojn de legantoj.

**Vejdo**

## Guozhu (Ĉinio)

## REKORDO MEJLOŜTONA DE POETINO USONA

### — Antaŭparolo al *Cindy Mckee Ĉineskas*

La nova libro (eLibro) *Cindy Mckee Ĉineskas* nun antaŭ vi, ne estas io ordinara, sed poemaro rara kaj kara. Ĉiu el ĝiaj trajtoj portas al ni progresivan ĝojon.

1. Antaŭ ĉio, ĝi estas poemaro de originalaj Esperanto-poemoj.

Esperantista leganto, eĉ sen kono pri ĉinesko, ankaŭ povas trovi en ĝi legad-ĝuon de originalaj poemoj. Pensante, ke ne ĉiu el ni kapablas versi en Esperanto poemojn kaj sukcesas pretigi ilin poemaro, mi admiras.

2. Due, ĝi estas poemaro de originalaj ĉineskoj.

En nia mondo, jam estas ne malmultaj poemaroj de originalaj Esperanto-poemoj. Tamen, individua poemaro el originalaj ĉineskoj, ankoraŭ ne tiel multas. Ĉar versi ĉineskon laŭ rigoraj skemoj por havi la belojn en sono kaj formo, estas malfacila arto eĉ por ĉinaj aŭtoroj kun fono de ĉina kulturo kaj kono pri ĉina poezio.

3. La aŭtoro estas Esperantista, neĉina, virina kaj en aktuala nomo.

El la suprediritaj kvar punktoj, se ni apartigus ilin unuopaj, estas ne malfacile kontentigi unu flankon el ili. Tamen, se ni volus trovi iun, kiu estu konforma je ĉiuj kvar flankoj, ja estas tro peniga tasko.

Estas ne malmultaj Esperantistaj poetoj;

Estas ne malmultaj neĉinaj poetoj;

Estas ne malmultaj poetinoj Eperantistaj kaj neĉinaj;

Estas Esperantista poetino, kiu havas sian individuan poemaron de ĉineskoj, laŭ nia kono, nomiĝas Lily. Tamen ŝi estas ĉino, sub plumnomo.

De tia vic-post-vica selektado ni povas scii, ke homo, kiu karakteriĝas konforma je ĉiuj kvar flankoj suprediritaj, ne nur estas tro rara, sed fakte unika.

4. Jen estas la unua ĉineska poemaro, verkita de neĉina Esperantista poetino en la historio de ĉinesko.

Jam antaŭ multaj jaroj William Auld revis pri apero de neĉina poet(in)o, kies ĉineskoj meritas eniri la faman poemaron <Esperanta Antologio>. [noto 1]

La motivo, kial William Auld tiel revis, miasupoze eble pro la fakto, ke versado de

ĉinesko (versi en neĉina lingvo laŭ skemo de ĉina fiksforma skemo) estas tro malfacila; sekve apero de neĉina ĉineskisto markas la nivelon de disvastiĝo kaj internaciiĝo de ĉinesko.

5. Eksteratendita rikolto：Troviĝas en tiu ĉi poemaro ankaŭ ĉineskoj en la angla lingvo.

Aŭtoro de tiu ĉi poemaro, Cindy Mckee el Usono, inspirate de legado kaj versado de ĉineskoj en Esperanto, kreive versis ĉineskojn ankaŭ en la angla, tiel fariĝante la iniciatinto de ĉinesko en la angla lingvo. Vere ĝojinde kaj gratulinde!

6. Tiu ĉi ĉineska poemaro (eLibro) aperas en bona tago (Zamenhof-festo) de bona jaro (Zamenhof-jaro). Duoble memorinda!

7. Tiu ĉi ĉineska poemaro (eLibro) aperas okaze de la Centjara Jubileo de la Ĉina Esperanto-Movado （1909-2009）. Ĉu la pioniroj antaŭ jarcento povus imagi pri la naskiĝo de ĉinesko kaj apero de neĉina ĉineskistino ? Kiel bona omaĝo al la jubileo!

8. Tiu ĉi poemaro kreis plurajn rekordojn senprecedencajn, sed, la talenta aŭtoro ankoraŭ estas en tre vigla vervo por pli prospera versado; tial ni havas sufiĉe da motivoj por kredi ke el ŝia plumo (aŭ klavaro) aperos pli multaj brilaj poemoj!

Okaze de la apero de la nova poemaro <Cindy Mckee Ĉineskas>, Guozhu humile donacas modestan ĉineskon.

**Al Cindy Mckee**

—laŭ ĉinesko Niannujiao*

(2009-12-15)

En ĉineska/ ĝardeno/ centflore impona
ekaperas/ jen Cindy, / poetin' usona.
Impresas nin/ per talento,/ freŝo burĝona,
diligento,/ kreivo fruktdona.
Avino Bing'xin ja/ diris pri la "Bel'/ sep dekona".
Ĝuste tia/ trajtas la/ poemar' mir-sona.
Brilas la plej/ nova rekordo/ mejloŝtona.
Ni kredu ĝin/ furore famkrona!

** Niannujiao (Ĉarma Kantistino): ĉina fiksforma poemo el du strofoj el 22 versoj de 436, 436,445,46/654,436,454,46 silaboj, kun rimarango xxa, xxa, xxa, xa / xxa ,xxa,xxa,xa (x=senrima).*

--------------

*Notoj:*

*[noto 1]*

http://www.elerno.cn/bbs/dispbbs.asp?boardid=24&id=3645

*Leginte ĉineskojn, la granda poeto William Auld estis tiel entuziasmigita ke li verkis favoran recenzon <Ekjuku la poeta mano> kaj esprimis sian bondeziron ke:"Mi esperas, ke la tria eldono de Esperanta Antoligio enhavu originalajn Ci-ojn ankaŭ de poetoj ne-ĉinaj."(Fonto 175, p.29)*

*[noto 2]*

http://www.elerno.cn/bbs/dispbbs.asp?boardid=10&id=7564

*Vortoj de avino Bing'xin pri virinoj:*

*Se en la mondo ne ekzistas virinoj, tiam mankas al nia mondo 5 dekonoj da vero, 6 dekonoj da bono kaj 7 dekonoj da belo.*

*Guozhu opinias ke tio estas la plej klasika fama diro pri virinoj en la mondo.*

## Minosun (Ĉinio)

# Al Mao Zifu

**Post legado de *Ama Ciklo***

Ĉe la frat' piedoj miaj lacaj kaj volemaj ne
ripozis iom,
En la ĉelo nek rigard' palpema mia iam
esploradis nigron,
Tamen li telepatie iĝas mia rozo, ĉarmo.
Foje kaj refoje en mi flustro de sopir' sentiĝas,
Fakte alportatis la elĉela salutad' de mia
kolegino al Pekino,
Kie mi nun fosas mian sulkon, sole kaj
spiteme.
Kvankam inter ni bariĝas centmil montoj kaj
riveroj,
Miloj da tagnoktoj,
Jen fratecon nian tamen hardis tele-babilad' ĉe
l' terminaloj.

Kaj portreton vian bezonatas ne por mi
prilumi,
Ĉar ĝi gravuriĝis jam en mia cerb’ bonega:
Fingroj viaj primezuras la distancon
kor-al-koran
Kaj fingrumas la nuancon de la amo;
Via piedpar’ piedas ekster la imagoj de la
sanaj normaluloj;
Inter la hararo ŝvebas nuboj ne nur nigraj;
Sonas ĉe oreloj viaj ankaŭ am’, esper’, kaj
jupkuloto;
Kion l’ okulpar’ rigardas girofalka sub la
brovoj kuntirataj?
Sed jam likas la sekreto, el versaro via,
kvankam volapuka;
La tenebra sorto, kaj la lipoj fere fridaj;
En brustkorbo via bolas flamo,
Kiu ŝprucas el la fendoj de la korpo pli
potenca
Kaj finfine iĝas lafaj bildoj balzamigaj.
Oh, al kia dimensi’ vi apartenas?
Ne la bidoj de Buda’ kapablas ĝin mezuri.

Kiam ĉe vi kaj por vi mi tostos?
Nun ĉi tiu imitaĵo urĝas kuri al vi.

# Ĉineske

## Zhuang Qixiong (Ĉinio)

# Bonvenon al Nankino

— laŭ ĉinesko Tiaoxiaoling[1]

Bela,bela
urbo-la verdstela.
Kun frateca gloro
kaj antikva koro.
Roko,roko-
akvo,varma voko!

— laŭ ĉinesko Yijiangnan[2]

Ni ardos
pro nova sento.
Ĉiuj kore fieros
en feliĉa momento.
Jen granda gento!

— laŭ ĉinesko Lingjiangxian[3]

Ni pene laboras
por kongresa sukces'
pro enhavriĉa neces'.
Konversacias,
kantas kun senĉes'.

Atenta preparo
kaj plano en progres',
ja kiel sorta kares'.
Homa harmoni'
restos interes'!

— laŭ ĉinesko Haoshijin[4]

La lingvo brilas
en paca ambici';
Amikec' aromas
per ama magi'.

Nankin' en E-movado,
longa histori'.
Ni daŭre fosu kun
pompa energi'!

— laŭ ĉinesko Queqiaoxian[5]

Ni volonte
interŝanĝos
sperton pri instruo
kaj apliko de lingvo
kontraŭ la
monda bruo.

Ni kun poet'
kunlaboros
pri verka konstruo.
Mirinda
prezentado
restos plej
dolĉa ĝuo!

— laŭ ĉinesko Yumeiren[6]

Amikoj,ĝoje venu.
Kune festenu!
Nankino salutas vin!

Por san' ni tostu per bona vin'!

Ni ĉiuj unuiĝu
por estonta ĝu'!
Antaŭen sur verda ter'!
Ni strebu al ĉineska prosper'!



*1 Tiaoxiaoling (Flirta Kanto): ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimaranĝo de aa,bb,cc. La 4-silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono; roso-soro.*

*2 Yijiangnan (Sopir-al-Sudo): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).*

*3 Linjiangxian (Feo ĉe Rivero): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 5 versoj de 66,7,55 laŭ rimaranĝo xa,a,xa (x=senrima)*

*4 Haoshijin (Proksimiĝas Bona Afero): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 56,65 / 75,65 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa / xa,xa (x = senrima)*

*5 Queqiaoxian (Feino sur Piga Ponto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 446, 734 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa,xxa (x=senrima)*

*6 Yumeiren (Belulino Yu): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj de 7,5; 7,9; / 7,5;7,9; silaboj kun para rimo.*

## Sunbrila Nankino

— laŭ ĉinesko Shuidiaogetou*

Viaj okuloj
kun profunda sent'
plenas de frateco;
Kiel milda vent'
varmas mia junkor'.
En svag' vi ridetas
kun ama kontent'.
En pluv' vi fortas
per bunta prezent'.

Varmmanoj
pro sincer',
ne plu pent';
Kiel brilsun'
dispelis brumon de gent'.
En mizer' vi bravas
pro brakoj de memfid'
kun via talent'.
En lukt' vi brilas
per viva prudent'!

** Shuidiaogetou (Preludo de Akva Melodio): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 9 kaj 10 versoj respektive de 55, 65, 665, 55/333, 47, 665, 55 silaboj laŭ rimaranĝo de xa, xa, xxa, xa / xxa, xa, xxa, xa (x = senrima)*

## Verda Nankino

— laŭ ĉinesko Shuilongyin*

Verdondas kiel mar'—
Ziĝin-mont', Jangzi-river'.
La antikva
urb' lazuras
ĉe eter'.
La deodar',
platan' ĉie
verdas sur ter'.
Floroj aromas,
herboj ardas
tra kvartal'
en aer'.

Ni vivas kun esper'
de am' por
verda afer'.
Alte tenu
grandan flagon
de korsincer'!

Diligente
laboru por
pac' kaj liber'!
Verda Nankino
ĉiam brilos
kun E-prosper'!



**Shuilongyin (Akva Drako): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 12 versoj de 67,444,444,5433 / 6,34, 444,444,544 silaboj, laŭ rimaranĝo xa, xxa, xxa, xxxa / a,xa,xxa,xxa,xxa (x= senrima)*

## Brokato de Nankino

— laŭ ĉinesko Siyuanren*

Kiel la belaj nuboj,
kia delikat'!
Nur per silk',or'
kaj pavplumoj
lerta ekspluat'?

Plej luksa vest-surogat'
sur lign-aparat'.
Buntaj floraĵoj,
drakoj ĉiam
restos en hom-ŝat'!



**Siyuanren (Sopiro al For a Homo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvin versoj de 75, 445 / 7,5,545 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xa,xxa / a, a, xxa (x=senrima).*

## Cindy Mckee (Usono)

### Mmmmmm

— laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Plu!
mi volas en ĉiu tru'
inter ni—
neniu tabu'

For
de pruda ekstera mor'
inter mi-
al mia klitor'

Jes!
karulo, bona progres'
leku al
orgasma promes'

Nun
mi estos via fortun'
mordos por
plezura kacpun'

Jen
histeria kun-alven'.
hastas al
gastoj ĉe kamen'



## Lily (Ĉinio)

### Hoooooo

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo
plu
mi volas en ĉiu tru'

inter ni—
neniu tabu'

sur
planko li per kacvetur'
deziras
bori kun plezur'

mi
sentas rigidon de li
ŝoviĝi
arde kun pasi'

mam'
mia ekpufiĝas jam
renkonte
al la stang' de flam'

suk'
elfluas pro piĉa juk'
jen prete
por viva kaŭĉuk'

ek
li serĉas per langa lek'
klitoron
jam en suk-malsek'

ĝoj'
ekpafiĝas laŭ sang-voj'
ĝiskape
salte foj' post foj'

sub
li mi tremas ja sen dub'
barakte
pro seksveka tub'

per
man' mi volus kun prefer'
ĝin ŝovi
en min por ĝoj-cel'

sed
li rajdas min sen ajn ced'
ĵongladi
per kaca obsed'

ĝis
finas ludo de l' penis'
komencas
arda pluva kis'

je
orgasmo mia, ho ve
eniras
li por apoge'

li
piŝtadas kun energi'
anhele
en ĝoja ebri'

varm'
flua pafiĝas en svarm'
profunden
ĝis interna karn'

ho
hohohohohohoho
hohoho
hohohohoho



**Anteo (Ĉinio)**




—laŭ ĉinesko deksessilabo
jam
ne revenas suka am'.
oldece

mankas stara mam'.

nun
foras ĉuroplena jun'.
en ĉelo
nur senina pun'.

se
sur min kuŝos ina fe',
sensensa
kaco firmos re.

## Mamo estimata

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo
am'
venas de la juna mam'.
de bebo
al viro jen sam'.

man'
kaj buŝeto sen la pan'
kvazaŭ ĉe
akvomanka ban'.

spic'
vida for de dura cic'
ŝprucigas
ĉuron sen delic'.

tuŝ'
de la brusto kaj la buŝ'
delektas
penison en duŝ'.



*Shliuziling (Dekses-Silabo): ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Niuniu (Ĉinio)

## Sopire al Hejmloko

—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo*
min tiklas la sopiro
al hejmeniro
ne vizaĝesprimo
sed kun kora ŝiro

tagenokte
ja pliiĝas
la deziro
mi eĉ en la sonĝo
krias kun deliro



**Chaozhongcuo (Pedanta Klerulo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respktive de 7,5,66 / 444,66 silaboj, laŭ rimaranĝo a,a,xa / xxa,xa (x=senrima).*

## Pasintaj Jaroj

—laŭ ĉinesko Litingyan*
kiel herboj sub neĝ’
velkiĝis en memor’
miaj pasintaj jaroj
malviglaj sen brilglor’
jen malaperis
malproksimen jam for

nur stri’ da paseo
persistas sen ignor’
resti nedisigeble
funde de mia kor’—
l’ amafer’ kun ŝi
kostas je altvalor’

**Litingyan (Hirundo ĉe Kiosko): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 66, 76, 56 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,xa (x=senrima)*

## Miela Buŝo

—laŭ ĉinesko Dianjiangchun*

el miela
buŝo venas belsona
laŭbezona
parol’ bontona

ne ĝin kredu—
jen vort’ admona
ĝi ŝajnas
vip’ demona
katen’ aldona

**Dianjiangchun (Ruĝigitaj Lipoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 47,4,5 / 45,34,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,a,a / xa, xa, a (x=senrima)*

## Yanke (Ĉinio)

### Hejmsopiro

—laŭ ĉinesko Pozhenzi*

mallumo min lulas
per forta hejmsopir’
l’ animo vagas foren
al betularba spalir’
kaj kampa zefir’

al gepatroj karaj
kun larmplena suspir’
al knabaj akompanoj
al petolema konspir’
al juna dezir’

**Pozhenzi (Kavalira Danco): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 5 versoj de 66,77,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x = senrima)*

### Irinte kun Vent’

—laŭ ĉinesko Queqiaoxian

jam nenio
iom restas
ĉio iris kun vent’
for senrevene vere
juneco
kun arda sent’

malaperis
el tuta korp’
jen kvazaŭ dum moment’
eĉ mia hom’ seniĝas
tute el
ĉies atent’

## Mandio (Ĉinio)

### Plenluno

—laŭ ĉinesko Renyueyuan*

alte pendas en ĉiel’
brila plenluno
kvazaŭ ridus
al vaganto
en verdjuno

li priploras
la disiĝon
ĉe aŭtuno
de l’ patrino
kaj sopiras
al rekuno

**Renyueyuan (Rondiĝo de Luno kaj Homoj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj de 5 kaj 6 versoj respektive de 75,444 / 444,444 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xxa / xxa,xxa (x=senrima)*

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_